# ...IS ...AS ...OS

## OSMI SUSRET ESPERANTISTA SLAVONIJE I BARANJE

16. i 17.01.1988. je u Slavonskoj Požegi održan tradicionalni (osmi) Susret esperantista Slavonije i Baranje. Susret su organizirali članovi Esperantskog društva "Ora valo" ("Zlatna dolina") iz Slavonske Požege, a bilo je prisutno 55 esperantista iz Slavonskog Broda, Našica, Đakova, Osijeka, Varaždina, Sinja, Brčkog, Sarajeva i Beograda. Na temu "Esperanto danas" govorio je Ivica Špoljarec iz Zagreba, prof. Željko Balog je prezentirao ostvarenja filmske radionice CUO "Zvonko Brkić" iz Slavonske Požege, a u kulturno-zabavnom dijelu programa nastupila je pjevačka sekcija Grupe za kulturu "Dodiri". U okviru susreta održan je i sastanak Regionalnog odbora esperantskih društava Slavonije i Baranje na kojemu je razmatrana problematika financiranja, uvjeti rada, stručni kadrovi i drugo. Za delegata u Skupštinu Saveza za esperanto Hrvatske izabran je Željko Vurm iz Đakova, a razmatrana je i mogućnost preimenovanja Regionalnog odbora u Savez za esperanto Slavonije i Baranje. Susret je završen obilaskom povijesne jezgre Slavonske Požege i razgledavanjem Muzeja Požeške kotline.

## KVIZ '88.

Tradicionalni omladinski kviz Saveza za esperanto Hrvatske ove je godine održan u Sisku 23.4. u prostorima Pionirskog doma. Teme kviza su bile "KONFERENCIJE NESVRSTANIH ZEMALJA" i "100 GODINA ESPERANTA". Sudjelovalo je 14 ekipa iz Niša, Velike Gorice, Zagreba, Sinja, Siska, Našica i Varaždina. Ekipe su pokazale primjerno poznavanje činjenica iz povijesti pokreta nesvrstanosti kao i iz povijesti međunarodnog jezika esperanta. Najviše uspjeha na natjecanju su imale ekipe iz Varaždina i Sinja. Njihovo finalno natjecanje je održano u Kumrovcu 21.05.1988. godine. Prvo mjesto je osvojila ekipa Esperantskog društva iz Varaždina u sastavu: Željka Ivić, Alen Mudri, Mario Harjaček, a drugo mjesto ekipa O.Š."Jozo Vrdoljak-Ćićo" iz Sinja. Suorganizator kviza je bio Savez za esperanto Siska.

## SEMINAR ZA NASTAVNIKE O ZAGREBAČKOJ METODI (Sljeme)

Od 2-3.04.1988. održan je seminar za nastavnike koji vode nastavu po Zagrebačkoj metodi u Domu Crvenog križa na Sljemenu kod Zagreba. U radu je sudjelovalo 16 mladih aktivista iz Banja Luke, Zadra, Karlovca i Zagreba. Voditelj je bio Z. Tišljar. U toku dvodnevnog rada polaznici su odslušali više predavanja, sudjelovali u diskusiji i dobili više raznih dodatnih materijala za nastavnike uz udžbenik.

## PRIMJERNA AKTIVNOST SINJSKIH ESPERANTISTA

Uskoro se navršava godina dana od osnutka Društva za Esperanto "Dinko Šimunović" u Sinju. Naime, osnovano je 22.10.1987. godine. Za to vrijeme sinjski esperantisti postigli su zapažene rezultate. Postavili su 6 izložbi na temu esperanta i pokreta za esperanto. Uveli su esperanto u O.Š. "Sinjski skojevci", O.Š. "Frano Masnić" kao slobodne aktivnosti, a u O.Š. "Jozo Vrdoljak Ćićo" kao fakultativni predmet. Sinjski osnovci su sudjelovali na kvizu u Sisku i Kumrovcu, te na općinskom kvizu u Splitu, gdje su postigli zavidne rezultate. U lokalnom listu "Vjesnik cetinske krajine" i dalje izlazi tečaj esperanta pod naslovom "Učite esperanto!". Također, redovito izlaze i bilteni sada je na redu 4. broj "La Verda Stelo", a uskoro započinje i novi tečaj esperanta: početni – A, i napredni – B. Tečajevi se održavaju po zagrebačkoj metodi i traje 36 sati raspoređenih u tri mjeseca. Do sada je u Sinju položilo prvi stupanj – A tečaja 18 esperantista različite dobi i zanimanja. Ove godine sinjski esperantisti su proveli ljeto u Plevenu u Bugarskoj zajedno sa niškim esperantistima. U Bugarskoj su pohađali ljetnu školu esperanta (Somera Esperanta Lernejo). Iako nailaze na teškoće zbog nerazumjevanja općinskih organa i teškog materialnog stanja ipak uporni entuzijasti i dalje tvrdoglavo rade na unapređenju esperanta i pokreta. U prvom redu treba istaći volonterski rad pojedinaca, među kojima posebno treba izdvojiti predsjednika Društva: Tomislava Grčića, te aktivne članove Društva, Miru Kocjančić, Stipu Šipića, Petra Macana, Dušana Baraća, Stipu Baraća, Slavenku Maršić, Teu Vukelić i mnoge druge. Također sinjski esperantisti su pozvani u Prilep od tamošnjeg Društva "La Progreso" da provedu sa njima vikend na kojemu će biti riječi o proširenju suradnje sa esperantistima Makedonije, Niša i Zenice. Bit će riječi i o izdavanju zajedničkog biltena i mnogih drugih zajedničkih aktivnosti. Isto se planira u toku narednih mjeseci održavanje tečajeva u Trilju, Vrlici te Kninu, kako bi se osposobili kadrovi i osnovali Društva u spomenutim mjestima a prvenstveno radi osnivanja Saveza za esperanto općine Sinj. Nadamo se da će naići na podršku šire društvene zajednice te ostvariti planirano. Iskrene čestitke.

## SPLIT

U uspješno organiziranom kvizu "Esperanto jezik i pokret" sudjelovale su ekipe osnovaca kojima je nastava esperanta izborni predmet – O.Š. "Veljko Vlahović" Split, O.Š. "Vjeko Butir" Kaštel Lukšić, Esperantsko društvo "Dinko Šimunović" Sinj i Esperantsko društvo "Bratstvo i jedinstvo" Split. U ABC – pitalicama, u igri asocijacija i slaganju riječi na esperantu, u prijevodu rečenica i pitanjima iz historijata esperantskog pokreta, najviše spretnosti pokazala je ekipa O.Š. "Veljko Vlahović" koju je pripremala Slavija Vodanović. Svi su takmičari nagrađeni prigodnim knjigama kao i njihovi voditelji Ante Blažević, Snežana Ramić i Slavenka Maršić. Za sve takmičare, njihove voditelje i navijače organiziran je jednodnevni izlet na slapove Krke. Organizator kviza Esperantsko društvo "Bratstvo i jedinstvo" već priprema sličan kviz za slijedeću godinu s novim takmičarskim igrama.

## JAFE-SKUPŠTINA NA SLJEMENU

Skupština Saveza jugoslavenskih željezničara esperantista sa više od 250 sudionika održana je na Sljemenu kod Zagreba 16.04.1988. Sudionici su došli iz svih krajeva Jugoslavije i smješteni su bili u planinarskim domovima "Tomislavov dom", "Željezničar" i "Crveni križ".

## NOVO PREDSJEDNIŠTVO JEL

18.06.1988. održana je Skupština JEL-a u Ljubljani na kojoj je izabrano novo predsjedništvo koje se sastoji od po 1 člana iz svake udružene republičke odnosno pokrajinske E-organizacije. Novi predsjednik je Gvozden Sredić iz Beograda, a tajnik Branko Đurić iz Sarajeva. Član predsjedništva u ime SEH-a je Milan Kočiš. Kao predsjednik JEJA izabrana je Vera Černi iz Makedonije.

## SEMINAR O JUGOSLAVIJI U SR NJEMAČKOJ

U pripremama delegacije Njemačkog omladinskog esperantskog saveza za TEJO-kongres u Zagrebu od 18-22.06.1988. održan je seminar u okviru "Proljetnog susreta mladih esperantista" o Jugoslaviji u gradiću Wallenhorst kod Osnabrucka. Održana su predavanja o povijesti i ekonomiji Jugoslavije te o kongresnom gradu i zemlji. Predavanja su održali Nikola Rašić i Krešo Barković. Održan je i kratak uvod u hrvatskosrpski jezik.

## LINGVISTIČKA KONFERENCIJA U BUDIMPEŠTI

Od 15-17.08.1988. održana je međunarodna lingvistička konferencija "Strukturalna i sociolingvistička istraživanja esperanta.'. Na konferenciji su predavali predavači iz Kine, Poljske, Engleske, Nizozemske, Kanade, Švicarske, DDR, Čehoslovačke, SSSR, Japana, Mađarske i Jugoslavije. Jugoslaviju je zastupao Z. Tišljar referatom na temu: "Sintaksa esperanta".

## PIONIRI ZAGREBA U UDINAMA

25 pionira i voditelja iz osnovnih škola Novog Zagreba gdje se uči esperanto te osnovne škole "M. Krleža" putovalo je u posjetu esperantskom društvu u Udinama (Italija) 9. i 10.04. ove godine. Pionire su dočekali tamošnji esperantisti, koji su im pokazali svoj grad, odveli ih u muzeje i svoje društvo, te ih ponudili čak i čašicom vina iz svojih vinograda. Grupa je iskoristila prigodu, pa je 10.04. posjetila i Postojnsku jamu.

## ESPERANTSKE KNJIGE NA INTERLIBERU

Međunarodna izložba knjiga "Interliber" u okviru Zagrebačkog proljetnog velesajma održana je od 18-23.04. u Zagrebu. Međunarodni centar za usluge u kulturi je zajedno sa osječkom "Revijom" postavio i izložbu esperantskih knjiga koje su pobudile dosta velik interes.

## IZDAVAŠTVO

Krajem 1987. u Varaždinu je ED Varaždin u povodu 100-godišnjice esperanta izdalo novu knjigu "Dianto de sur poeta tombo" Augusta Šenoe u prijevodu B. Vančika.

# utile kaj interese

## SVJETSKA DEKADA POSVEĆENA KULTURNOM RAZVOJU (1988–1997. godine)

Generalna skupština UN proglasila je 8.12.1986. godine, period između 1988. i 1997. godine Svjetskom dekadom posvećenom kulturnom razvoju koja će biti obilježena pod pokroviteljstvom Ujedinjenih nacija i Organizacije Ujedinjenih nacija za prosvjetu, nauku i kulturu (UNESCO) (Rezolucija 41/187). Ova ideja prvi put se javila i predložena je tokom UNESCO-ve Svjetske konferencije o kulturnoj politici koja je održana 1982. godine u Meksiku, a kasnije ju je podržao i UNESCO.

Četiri osnovna zadatka koja su postavljena pred ovu Dekadu i koja države, organizacije i pojedinci trebaju ostvariti kroz dobrovoljno angažiranje su: priznanje kulturne dimenzije razvoja: afirmacija i obogaćivanje kulturnih identiteta: omasovljavanje sudjelovanja u kulturi: i unapređivanje međunarodne kulturne suradnje. Generalni sekretar Ujedinjenih nacija i generalni direktor UNESCO-a trebaju svake dvije godine podnijeti izvještaj Skupštini preko Ekonomskog i socijalnog savjeta o napredovanju u ostvarivanju zadataka Dekade.




## INTERNACIA LINIO "MARMARA MARO"

"Monda Turismo" proponas en 1988 novan internacian aranĝon. La Internacian Esperanto-Buslinion "Marmara Maro". Ĉiaj iniciatintoj estas Esperanto-Turizm en Bursa (Turkio) kaj Esperantotur en Bydgoszcz (Pollando), tamen kunlaboron deklaris esperantistoj el dek landoj, kiuj funkcios kiel perantoj de la linio. "Marmara Maro" starigas kontaktojn inter Eŭropo kaj Azio kaj ebligas partoprenon en du internaciaj Esperanto-lernejoj: tiu konstanta en Bydgoszcz kaj tute nova en Esperanto-kampadejo apud Yalova ĉe Marmara Maro; ĝi samtempe ligas Skandinavion kun Turkio kaj inverse. La vojaĝo estas malmultekosta: ambaŭdirekta Bydgoszcz/Varsovio-Istanbulo kostas 80 US $ po persono, unudirekta – 60 $. La naŭtaga lernejo en Bydgoszcz – 150 $ kaj tiu en Turkio – 40 $ (sen manĝoj). La linio funkcias ekde la 1-a de majo ĝis la 30-a de oktobro. Detalajn planojn vi povos ricevi ĉe Esperantotur, M. Sklodowskiej-Curie 10 PL-85-094 Bydgoszcz, telekso 562840 E-TUR PL.

## NOVI PAZAR

Informativni bilten RO za poljoprivrednu proizvodnju "Vojin Popović" iz Novog Pazara počeo je redovno objavljivati informacije o esperantu, a priprema i tečaj. Rubriku uređuje Zlatan Ličina. (ZZ "Vojin Popović" D. Tucovića 11, 36300 Novi Pazar)

## FAKTOJ PRI SVEDIO

Okaze de la Jubilea Jaro Sveda Instituto eldonis esperantan version de "Faktoj pri Svedio". La kajero enhavas abundajn ĝeneralajn ifnormojn pri Svedio. Oni povas mendi ĝin ĉe Esperanto Centro de Svedio aŭ rekte ĉe: Svenska Institutet, pl 7434, S–10391 Stockholm.

## LA AMIKECA RETO

La Amikeca Reto, iom pli kompleksa ol ĝia pli aĝa frato, Pasporta Servo de TEJO, estas nova servo de SAT, kiu celas helpi al pli kleriga turismo, per propono de rektaj homaj rilatoj kun diversaj sociaj viziteblecoj, preter la muzeoj kaj panoramo. La vojaĝo povas esti vizito de ekz. domo, laborejo, maljunulejo, sindikatejo ktp., aŭ okazo por amikiĝi, bicikli, piediri, kuiri, naĝi, ludi, fiŝkapti ktp. Aŭ ankaŭ povus esti okazo por diskuti kun aliaj personoj pri plej diversaj temoj.
La ideoj tuj ricevis fortan eĥon, ĉar post kelkmonata ekzisto la ĉijara listo registras jam 112 nomojn en 24 landoj.
La libreto, kiu rajtigas uzi la servojn, kostas 25 FF, al la pĉk. 1544 V la Source (Francio) de Gérard Rollin. Ekzistas lokaj perantoj en Pollando, Ĉeĥoslovakio, Kanado, Israelo kaj Brazilo.

Pliajn detalojn kaj la aliĝilojn vi povas peti ĉe la peranto por Jugoslavio: Izet Bojičić, Igmanskog partizanskog bataljona 1-A, 71212 Hrasnica/Sarajevo. Tel. (071) 411-341.




## LA UNUA ESPERANTA LIBROEKSPOZICIO EN IRANO

Okaze de la Festo de la "Tagdeko de la Aŭroro" – de la 1-a ĝis la 11-a de februaro – oni aranĝis en Teherano grandan libroekspozicion tutlandan pri kiu respondecis la Ministerio de Informado kaj klerigado. Pli ol 400 eldonistoj partoprenis la ekspozicion, inter ili ankaŭ la eldonejo ATAI, kiu dum 12 jaroj publikigis kaj reeldonis ĉirkaŭ 45 Esperanto-librojn, krom la Nobla Korano. Ĉar "dum la Tria Mondo restos ne memsufiĉa en eldonado, Esperanto neniam povos sukcesi tie. Nenio ja povos elradiki la antaŭjuĝojn pri Esperanto tiel efike, kiel abundaj libroj kaj valoraj verkoj".

## "TUTMONDAJ SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ" DISTRIBUATA TUTMONDE

La periodaĵo "Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj" fondita de la Sciencista-Teknikista E-Asocio sub la Ĉina Akademio de Sciencoj ricevis lastatempe la sankcion de la Ĉina Informa kaj Eldona Administracio distribuiĝi en- kaj eksterlande, post dujara proveldonado. Nun ĝi havas legantojn en 40 landoj kaj regionoj.

## COOPHOTELS-ESPERANTO VOJAĜSERVO

Komence de novembro 1987 fondiĝis en Budapeŝto komuna oficejo de la kooperativa turisma firmao Coophotels kaj Hungara Esperanto-Asocio. Ĝi okupiĝos ĉefe pri organizado de en- kaj eksterlandaj vojaĝoj; feriaj programoj; loĝigo en privataj ĉambroj, organizado de Esperanto-programoj kaj lingvokursoj. Kiel unua estos aŭtobusa vojaĝo tra Aŭstrio, FR Germanio, Francio, Belgio al Nederlando.




## 74-a UK EN BRITIO
## 29.07. – 05.08.1989

La 74-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en urbo Brighton en Anglio de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto 1989. Brighton estas agrabla marborda urbo de suda Britio. Ĝi estas historia urbeto kun la praktika oportuneco de grandurbo – ideala urbo por kongresi.

## 75-a UK EN HAVANO
## 14. – 21.07.1990

La Kuba Esperanto-movado, renaskiĝinta en 1979, kiam vere ekbolis la interesiĝo pri Esperanto, pro la laboro de sia landa Asocio serioze sin preparas por la 75-a Universala Kongreso kiu okazos en la ĉefurbo Havano en 1990.

## PARIZA FRENEZA SEMAJNO
## 22. – 29.07.1988

Okaze de la 200-a datreveno de la Franca Revolucio parizanoj organizos grandan solenaĵon. La prezo de 5500 FF entenas loĝadon en luksa hotelo, manĝojn, laŭ franca kulturo, vizitojn al muzeoj, urban transporton kaj esperantistan ĉiĉeronon. Informoj kaj aliĝoj: France Esperanto (Turisma Servo), 4 bis rue de la Cerisaie, F–75004 Paris.

## 32-a INTERNACIA SEMINARIO
## 27.12.1988 – 3.1.1989

32-a Internacia Seminario (IS) de Germana Esperanto-Junularo kaj Germana Esperanto-Asocio, okazos en ĉarma urbeto Traben-Trarbach. La temo estas: Religioj kaj ideologioj en Eŭropo". La IS celas Esperanto-parolantojn, kiuj kapablas aktive partopreni la programon. Prezoj: inter 180–300 germanaj markoj (Memzorgantoj 50–70 GM. Grave: Eksterlandanoj en aĝo de 14–25 jaroj ricevas vojaĝsubvencion nur se ili estas plentempaj partoprenantoj. Aliĝoj kaj informoj: Germana Esperanto--Junularo, Eifelstrasse 9, D–53000 Bonn 1, FRG.

## TERMINOLOGIO

Kvindek personoj partoprenis la 2-an konferencon de Terminologia Esperanto-Centro dum la 73-a UK en Rotterdamo. D-ro Detlev Blanke resumis pri kio okupiĝas TEC (interesuloj petu de li pliajn informojn). TEC estas institucio de UEA; ĝia financa bazo estas la fondaĵo Wüster. Ĝis nun aliĝis al TEC 115 fakuloj el 28 landoj; ĉe TEC estas reprezentataj 14 fakaj kaj 17 landaj asocioj krome 4 nemovadaj institucioj. TEC registras ĉiujn fakulojn, kiuj deziras partopreni en ellaborado de esperantlingva terminologio de iu fako, informas ilin pri tio kion faras aliaj fakuloj esperantistoj ĉiterene, pretas kunordigi iliajn laborojn, ktp.

Kelkaj novaĵoj aŭdiĝis:

– Prof. Stop-Bowitz anoncis, ke estas jam plano pri reviziado de PIV.

– En septembro de 1989 oni organizos dusemajnan terminoligian kurson en Pisanica (Bulgario). Por tiu kurso materialoj estas bezonantaj.

– Petr Chrdle informis, ke post duonjaro estos preta la manuskripto de la terminologia kurso, kiun organizis TEC en Ĉeĥoslovakio antaŭ du jaroj. Tiun verkon de Werner eldonos TEC.



## FONTO-KLUBO

Por povi daŭrigi siajn planojn, lanĉi ĉiumonate novan verkon, Gersi Alfredo Bays, la eldonanto de "Fonto", kreis novan sistemon de libromendoj. La membroj de la "Fonto-Klubo", aŭtomate ricevos ĉiun eldonatan libron. pagos ĝin post la ricevo, sen sendokostoj kaj kun ĉiam pli granda rabato. Tiu lasta dependas de la kvanto de anoj: se ili estas 100 – la rabato por ĉiu estas 10%, se estas 200 – 20% kaj se 300 - 30%. Inf.: Fonto (G.A.Bays), Caixa Postal 49, BR-89800 Chapecó, SC, Brazilo.

## AŬSTRALIA ANTOLOGIO

Redaktita de Alan Towsey. Serio "ORIENTO-OKCIDENTO 24", 432 paĝoj, 21 cm, lukse lede bindita. Mendebla ĉe la eldonisto: Edistudio, c.p. 213, I-56100 Pisa, Italio, prezo 49000 italaj liroj aŭ ĉe la libroservo de UEA, 75 ned. guldenoj.

## BELARTAJ KONKURSOJ '88

La ĉijarajn Belartajn Konkursojn partoprenis 184 konkursaĵoj de 84 aŭtoroj el 21 landoj. El nia lando venis 15 konkursaĵoj de 9 aŭtoroj inter kiuj du ricevis premiojn.
Tibor Sekelj ricevis la duan premion en branĉo "Prozo" por la "Facilanima virino" kaj Emilija Lapenna la trian premion en branĉo "Teatraĵo" (fakte la nuran premion car la unuaj du ne estis aljuĝitaj) por la "Lanĉo".

## ERASMO KAJ ANNE FRANK EN ESPERANTO

La Universala Kongreso en Rotterdamo stimulis la eldonon en Esperanto de du famaj verkoj. UEA mem aranĝis la tradukon el la latina (fare de Gerrit Berveling) de Laudo de l'stulteco, kiun skribis la plej fama roterdamo, Erasmo, en 1511. Alia profunde humanisma verko estas Anne Frank ne estas de hierau de Mies Bouhuys, kies pasia pledo kontraŭ la faŝismo (en traduko de Nora Bartels) kortuŝos kaj inspiros geknabojn kaj plenkreskulojn.

## MODERNA ARTO

Nekutiman okazon por esperantistoj donas katalogo de Slovena pentristo nun loĝanta en Aŭstrio, Valentin Oman. Oman: Pariza rekviemo (Mohorjeva/ /Hermagoras, 1988) entenas 13 grandformatajn kaj lukse presitajn bildojn, kune kun detala enkonduka eseo en la germana, la slovena kaj Esperanto. Pentraĵ-ŝatantoj, kiuj havas seriozan intereson pri la temo, skribu al la artisto mem por peti ekzempleron: Kunstlerhaus, Goethepark 1, A-9020 Klagenfurt/Celovec, Aŭstrio.

## ROKGRUPO "PERSONE"

Sveda rokgrupo "Persone" eldonis la kasedon "62 minutoj" de sur kiu aŭdeblas 12 originalaj kantoj en Esperanto. La kasedo kun la aparta vortlibreto mendebals ĉe UEA. Prezo 27 gld.



# ESPERANTO-ELSENDO DE RADIO ZAGREB 35-JARA

Okaze de la jubileo ni represas la artikolon kiu priskribas la komencon. Samokaze ni gratulas al ĉiuj kiuj zorgis kaj plu zorgas pri la elsendo, kiun la 1-a programo de Radio Zagreb disaudigas ĉiudimanĉe je la 23;45 h.

Inaŭguro de Esperantaj elsendoj en Radio Zagreb

La 16-an de aprilo 1953 okazis en la studio de Radio Zagreb la unua Esperantlingva elsendo kun ĉeesto de D-ro Ivo Borovečki, prezidanto de L.K.K., Ivo Rotkić, membro de la Akademio de Esperanto, Marinko Gjivoje, redaktoro de "La Suda Stelo", D-ro Dalibor Brozović, organizanto de la elsendoj en Esperanto, kaj Mason Stuttard, Konstanta Kongresa Sekretario. La elsendo, daŭranta 15 minutojn, konsistis el inaŭgura parolado de D-ro Borovečki, informoj pri la kongreso de la K.K.S., kaj parolado pri la lagoj de Plitvice de Ivo Rotkvić. Jen la parolado de D-ro Borovečki: Karaj amikoj de la tuta mondo. La hodiaŭa tago havas apartan signifon por la jugoslava esperantistaro. Por la unua fojo en la historio de nia movado unu jugoslava radiostacio elsendas en la eteron salutvortojn en la Internacia Lingvo. La fakto, ke Radio Zagreb hodiaŭ komencas siajn elsendojn en Esperanto estas same grava kiel por la enlanda movado, tiel ankaŭ por la eksterlanda. La estraro de Radio Zagreb decidis organizi elsendojn en la Internacia Lingvo por tiamaniere de sia flanko kontribui al la pli granda sukceso de la 38-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta ĉi-jara en Zagreb.

Kiel Komitatano de Universala Esperanto-Asocio mi tutkore dankas al la estraro de Radio Zagreb pro la granda helpo al nia afero, kaj mi estas certa ke mi samtempe esprimas al ĝi ankaŭ la dankesprimojn de la esperantistoj el ĉiuj landoj. Al la relative granda nombro da radiostacioj utiligantaj Esperanton nun aliĝas ankaŭ Radio Zagreb.

En tiu ĉi solena momento mi salutas en la nomo de la Jugoslavia Esperanto-Federacio kaj en la nomo de la Loka Kongresa Komitato niajn samideanojn en la fora eksterlando kaj en ĉiuj lokoj de Jugosalvujo. Ĉi-momente ni ne sentu nin solaj, izolitaj. Miaj vortoj flugas fulmrapide al la plej malproksimaj landoj; miloj da esperantistoj dissemitaj tra la tuta mondo direktas nun siajn pensojn al Zagreb, kaj nin interligas ne nur la elektromagnetaj vibradoj de la zagreba radio; nin interligas la komuna Internacia Lingvo kaj la granda ideo de la internacia frateco kaj kunlaboro.

Kaj nun kelkajn vortojn pri niaj programoj en la Internacia Lingvo. La elsendoj okazontaj ĉiuĵaŭde estos dediĉitaj plejparte al niaj eksterlandaj amikoj. La programoj enhavos ĝenerale tri ĉefajn partojn. Unue vi povos aŭskulti la informojn pri la Universala Kongreso. Poste sekvos interesaj prelegoj pri Jugoslavujo, ĝiaj turismaj allogaĵoj, ĝiaj arto, scienco kaj kulturo. Estos organizataj apartaj elsendoj pri la literaturo de la jugoslavaj popoloj. Fine kiam la tempo permesos oni prezentos fragmentojn de la jugoslava popolmuziko.

La redaktoro de la Esperanto-fako de Radio Zagreb estas nia samideano profesoro Dalibor Brozović, asistanto ĉe la Akademio por Teatra Arto. La raportojn pri la Universala Kongreso preparos ĉiam la Konstanta Kongresa Sekretario.

Estas kompreneble ke ni atendas grandan helpon de vi, estimataj aŭskultantoj. Unue ni petas vin sendi dankesprimojn al Radio Zagreb kaj krome ne forgesu sciigi al ni pri viaj sugestoj, deziroj kaj kritikoj. Nur la aktiva helpo kaj kunlaboro de vi ĉiuj rezultigos fine tiom altnivelajn elsendojn ke nia movado povos fakte fieri pri ili.

Ĝis la Universala Kongreso Radio Zagreb disaŭdigos 16 elsendojn en la Internacia Lingvo. Sed memoru bone ke la afero koncernas ne nur la zagrebajn esperantistojn. Via ĉiuflanka intereso, helpo kaj kunlaboro estos nepre bezona. Se ni nun bone sukcesos, se la reeho el eksterlando estos kontentiga, ni povos plenrajte esperi ke Radio Zagreb decidos elsendi en Esperanto ankaŭ post la Universala Kongreso, kaj tion ni ĉiuj varme deziras. Do ankaŭ de vi dependas la sukceso!

Ni firme esperas ke la tutmonda esperantistaro apogos la grandan aferon kiun hodiaŭ komencis Radio Zagreb.

(El la revuo "Esperanto" – junio 1953)

# Korespond-proponoj



## Ĉeĥoslovakio

- Fridrich ZÖLD, CS-07632 Borša 368 * Deziras korespondi kun kolektantoj de esperantaĵoj.
- Luděk CHMELA, Ke Tvrųi 1694, CS-53003 Pardubice * 35-jara inĝeniero. Interesiĝas pri lingvoj, moderna literaturo, filmo, vojaĝoj kaj fotado.

## Jugoslavio

- Slavica ROGAĈ, S.V. Čiče 3/5 I, 25000 Sombor * 25-jara instruistino deziras korespondi kun gejunuloj el la tuta mondo.

## Korea Respubliko

- PAK HJŎU IL, Dep. of Yugoaslavia Huĥs, Moheon-meon Youngin-gun, Kyeonggi-do, 449-850 Korea * 20-jara studento deziras korespondi kun jugoslavaj esperantistoj.

## Pollando

- Ewa GLANOWSKA, ul. Oreżna 48, 57-500 Bystrzyca Kłodzka * 34-jara oficistino interesiĝas pri literaturo, turismo, reciprokaj vizitoj, kutimoj ktp.
- Ryszard DJAKOW, pl. Wojska Polskiego 7/67, 41-902 Bytom * 37-jara ekonomikisto interesiĝas pri E-movado, kristana movado, jogo, vegetaranismo, historio, reciproka gastado ktp.
- Bożena ŚLEZAK, ul. Piotrkowska 182 M 505, PL-90368 ŁÓDŻ * 41-jara instruistino deziras korespondi pri geografio, turismo, astrologio kaj muziko.
- Wieslaw BASZOWIECKI, ul. Dabrówki 11B/24, PL-44200 Rybnik * 30-jara laboristo deziras korespondi pri kulturo.
- Leon CHODERA, ul. Krasnobrodska 17m 190, 03-214 WARSZAWA * 47-jara inĝeniero kolektas poŝtmarkojn, bildkartojn kaj esperantajojn.
- Leszek T. KLUZA, Poŝtoficejo, PL-88 140 Gnievkovo * 25-jaraĝa fraŭlo deziras korespondi kun gejunuloj el Jugoslavio.
- Edmund GŁEBOCKI, ul. XXX-lecia 2/50, 12-100 Szczytno * 40-jara teknikisto dez. kor. pri turismo kaj libroj. Li kolektas poŝtmarkojnkaj bildkartojn.
- Barbara SOBECHOWICZ, Ul. Brzeska 1, 21-523 Łomazy * 18-jara lernantino interesias pri geografio, filatelio kaj vojaĝoj.
- Krystyna KREMPA, Ul Biernackiego 17/6, 39-300 Mielec * 27-jara oficistino deziras korespondi.
- Renata BODEK, Ul Przedmiescie 70, 38-250 Biecz * 25-jara instruistino ŝatas vojaĝi kaj legi librojn.
- Danuta SKWARŁO, Sadkowa 41, 38-204 Tarnowiec * 24-jara fraulino volas korespondi pri ĉiuj temoj.
- Bogumiła NIECHCIAŁ, Ul. Orzeszkowej 20, 47-100 Strzelce op. * 26-jara fraŭlino serĉas korespondantojn.
- Witold MAJ, Os. Grodzisko 24/7, 28-400 Pińczów * 41-jara instruisto interesiĝas pri sporto kaj kolektas bildkartojn.

## Soveta Unio

- Vladimir TRETJAKOV, Ul. Fucika 9 KV 21, SU-357524 Pjatigorsko * 52-jara inĝeniero volas korespondi kun samideanoj el Jugoslavio.
- Pr. MEDONIS, Leino 171-94, 235400 Siauliai, Lit. S.S.R. * Litova emerito volas korespondi kun juoslavaj esperantistoj pri kulturaj, historiaj kaj ĉiutagaj temoj.

# Sankta Luĉia

vortoj kaj muziko:
laŭ popola kanto
tradukis: Cl. Bicknell

Moderato

1. Bri - las sur - ma - re stel' de ar-
ĝen - to, dol - ĉe fa - vo - ras
on - doj kaj ven - to; dancas la bar - ko
kvazaŭ fo - li - a, San - kta Lu -
ĉi - a, Sankta Lu - ĉi - a!

Brilas surmare stel' de arĝento,
dolĉe favoras ondoj kaj vento;
dancas la barko kvazaŭ folia –
Sankta Luĉia, Sankta Luĉia!

Maro, venteto, ambaŭ ridetas,
nia barkisto zorgojn forĵetas:
"Venu, atendas vin barko mia –
Sankta Luĉia, Sankta Luĉia!"

Rava Napolo – floro ĉiela,
kvazaŭ sorĉita songô fabela,
ŝajnas ĝi esti rideto Dia –
Sankta Luĉia, Sankta Luĉia!

"Kial vi haltas? Nun en vespero –
pure, varmete blovas aero;
nokta silento plej harmonia" –
Sankta Luĉia, Sankta Luĉia!

POEZIO

*ĴORĴI BARBOZA (1902-1972).*
*Verdkaba Respubliko*

## *VERSOJ*

*Diru ja:*
*kie estas vivo,*
*digna de l' homo?*
*Kie foras suferoj*
*kaj sinjoroj?*

*Kie pan' kun vino*
*disdoniĝas al ĉiuj,*
*kaj flam' de vintraj fajrejoj — al ĉiuj,*
*hejmoj — al ĉiuj,*
*laboro — al ĉiuj,*
*kaj sen persekutitoj*
*kaj sen humiligitoj?*

*Kie foras*
*orgojlo,*
*foras puraj kaj malpuraj,*
*foras subpremantoj,*
*kaj sekve*
*foras la strikoj?*

*Kie instrukcias la plej sperta,*
*ordonas la plej estimata,*
*kaj la plej agema*
*mastrumas?*

*Kie ne necesas*
*bindi la okulojn*
*per leĝbandaĝo?*

*Diru ja — kie?*

*(Esperantigis Boriŝa Miliĉeviĉ)*





Preparado de la kongresa TV-programo

44-a IJK en Zagrebo ——— fotis: A. Sochacki

La gekongresanoj



